# Felietono

# Mia Superkatino

STUDRONDO!

**Rakonto de Hannelore Brunow**

**Mi havas novaĵojn pri mia kato kiu nomiĝas KATO. Ĝi mem redaktis la sekvontan rakonton - kompreneble en Esperanto:**

Mi estas tiu ĉi kato, kiu nomiĝas KATO, ĝustadire antaŭ longa tempo mi estis vir-kato. Feliĉe mia malĝojo malaperis iom post iom. Mia nova supera kato nun estas virino de la specio "homo". Ŝi nomas min KATO, ĉar mi ne obeis al nomo "Sir Garfield". Ekde mia bapto mi estas ano de Esperanto. Tiu lingvo havas belajn vortojn, ekzemple "fiŝi", "flajŝi", "bonĉi", "kraŭli", "knaŭĉi", "hopi" kaj "malfermi ladskatolon". La malbona vorto estas: "fiaĉa kato, fi... fi" kun minacanta montra fingro. Sed la plej malbonega vorto estas "Dummkopf", kiu signifas "stultulo", tiel mi estas nomata ĉiam, kiam mi havas alian intencon ol mia superkatino. Mi demandas vin: Kial mi ne gratu en florkesto aŭ mordetu ornamajn plantojn? Mi bezonas tiajn verdaĵojn!



Kiam mi transloĝiĝis al mia superkatino mi timis, ke oni min donove fordonos.

Sed ŝi nomas min "mia malgranda Kamrad", "mia Vuŝel-Puŝel", "mia eta amiko".

Tiamaniere mi trovis novan hejmon. Verdire ni estas tri. La alia dupiedulo estas homa viro. Li havas tre belajn "ronron-harojn", iom mallongaj sed multaj. Krome mi admiras lin, ĉar li ronronas tre laŭte, bedaŭrinde nur kun fermitaj okuloj.

Cetere, miaj homoj estas ankaŭ Esperantistoj.

---

# En la kuracejo

Je la sesa kaj duono,
ĉiam sonas la vekhorloĝo.
Kaj ĉiuj marŝas piede,
kaj rigardas timeme,
ĉu la pesilo pezon montras,
kiun la doktoro ŝatas.
Flegistino demandas tiam
la saman demandon kiel ĉiam,
ĉu estis bona la nokto
kaj ankaŭ la sentimento.
Kaj post la matenmanĝeto
sekvas tuj la terapio.
Kaj doktoro nun demandas,
kia la sentimento estas.
"Ĉu ŝanĝiĝon vi perceptas
en via sentimento?"
Kaj se "ne" estas via respondo,
vi devas iri al via loĝejo
kaj pripensi tiun temon:
"Kial mi ne havas bonan sentimenton?"
Sed se vi diras, ke vi timas,
kaj vi ankaŭ konfuzitas,
estu certa, ke respondas la doktoro:
"Bone, daŭrigu sur tiu vojo!"
Tiamaniere pasas tagoj,
semajnoj kaj ankaŭ monatoj,
sed finfine ĉiuj scias,
kio la sukceso estas!

*Peggy Ley*

# INFORMILO HAMBURG



jan./febr. 1990

n-ro 1/90

Esperanto, Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, Tel. 250 30 65

Komuna bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r.a. kaj Hamburga Esperanto-Junularo (Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo).

Redaktoro: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel. 43 51 97
Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207


---

HES

## INVITO

al la Jarĉefkunveno 1990 de Hamburga Esperanto-Societo, la 22-an de februaro 1990, 20 h.

Tagordo

1. Jarraporto
2. Kasraporto
3. Diskuto pri 1. kaj 2.
4. Raporto de la revizoroj
5. Senŝarĝigo
6. Raporto de la konsilantaro
7. Buĝeto kaj kotizoj
8. Elektoj de estraro kaj konsilantaro
9. Diskuto kaj decido pri proponoj
10. Diversaĵoj

Atentu! Proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la 8-a de februaro.

Benno Klehr, prezidanto

Hamburga Esperanto-Societo r.a.



Esperanto-Verein Hamburg e.V.

## Nia Programo

### januaro 1990

18-a: Lingvaj ludoj
25-a: El Svisa Radio prezentas K-H. Hoffmann
27-a: (sabato, 15 h ) Studrondo

### februaro 1990

1-a: Nicole Pairoux kantas en la klubejo
8-a: Elsbeth Bormann festas naskiĝtagon
10-a: (sabato, 12 h ) Hella Lanka festas
15-a: Ni kantas kun Hannelore Brunow
22-a: JARĈEFKUNVENO 1990
24-a: (sabato, 15 h ) Studrondo

### marto 1990

1-a: Klubejo fermita pro sabata festo
3-a: (sabato, 20 h ) Kostumfesto

Ni gratulas okaze de naskiĝ-datreveno al Hella Lanka (65) kaj Elsbeth Bormann (60)

Hamburga Esperanto-Societo dankas al la amikoj de Ellen Eggers, mortinta la 19-an de oktobro 1989, kiuj donacis laŭ ŝia deziro monon al la societo.

la estraro

# INFORMILO HAMBURG



marto/apr. 1990

n-ro 2/90

Esperanto, Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, Tel. 250 30 65

Komuna bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r.a. kaj Hamburga Esperanto-Junularo (Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo).

Redaktoro: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel. 43 51 97
Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207

---

## Renkontiĝo de du proksimaj urboj

# Hamburg



# Schwerin



# Nia programo:

**Marto 1990:**

8a: Lingvaj ludoj
15a: Hans Schütt: 65 jaroj en Esperantujo
18a: (**dimanĉo**) NDR: "Dock 11" - 14:15 h
22a: Babilanta rondo
29a: Informvespero - 19:00 h

Aprilo 1990:

4a: **Nova kurso por komencantoj** - 18:30 h
5a: Literatura vespero -
El antaŭparoloj kaj paroladoj de Zamenhof
7a: (**sabato**) **Krampa Teatro** - vidu studrondo
12a: Ovo-Kunveno + Krampa Teatro
19a: Benno Klehr montras la novan komputoron kaj prezentas la novan mem faritan programon por la biblioteko
21a: **Ekskurso al Schwerin**
26a: Lingvaj ludoj

**Majo** 1990:

3a: Literatura vespero
...
24a: **Ĉe-Ellen-Ir-Tago** en la klubejo
Promenemuloj renkontiĝas je la 14:30 h ĉe U-Stacio Rauhes Haus

*Ni gratulas al*

## *Jupp Kühnel*

*okaze de lia 80-a naskiĝtago*

# INFORMILO HAMBURG



majo/jun. 1990

n-ro 3/90

Esperanto, Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, Tel. 250 30 65

Komuna bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r.a. kaj Hamburga Esperanto-Junularo (Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo).

Redaktoro: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel. 43 51 97

Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207


---

## Rajdanta al nova direkto

Laŭ invito de la Esperanto-grupo **Schwerin** grupo de pli ol 20 okcidentanoj vizitis la urbon Schwerin (elp. Ŝverín). La estraro de la grupo de Schwerin estis iom malkontenta, ke ne estis labora kunveno de estraranoj kaj aktivuloj, sed plejparte privata renkontiĝo. Tamen, laŭ mia takso, privataj amikecoj estas tre bona bazo por estonta komuna agado de la du grupoj. BK

---

Jen la titolo de la informilo de Schwerin:

LA ORA RAJDANTO

ESPERANTO-★-INFORMILO EL SCHWERIN



Esperanto-Asocio distrikto Schwerin en la Kulturligo de GDR



Nia programo

Majo 1990:

3a: Literatura Vespero (E. Wielgus)
10a: Lingvaj Ludoj
17a: Pri la strukturo de Germana Esp.-Asocio
24a: Ĉe-Ellen-Ir-Tago en la klubejo 15.00 h
pliaj informoj sur paĝo 4!
31a: babilanta rondo

Junio 1990:

7a: Literatura Vespero (J. Eitmann)
14a: somera babilanta rondo
21a: Bildoj el kongreso en Freiburg (H. Lanka)
28a: Raporto pri Sud-Afriko de ges-roj Bormann

Julio 1990
5a: Literatura Vespero

---

Ni deziras al ĉiuj membroj kaj amikoj agrablan someran tempon kaj plezurajn feriojn!

# HES dankas al donacintoj

Finfine ni povas eldoni nian Informilon helpe de komputoro. La komputoron ni povis aĉeti, ĉar ni ricevis mon-donacojn de niaj membroj - speciale de la "simplaj membroj". En tiu ĉi unua eldono, kiun ni faris per la komputoro, ni dankas al ĉiuj donacintoj.

---

Ni dankas al la softvara entrepreno "TIGGYSOFT" pro la bona konsilado kaj helpado. Tiggysoft estas la sola entrepreno en Hamburg, kiu disponas pri programoj en Esperanto. ...cetere nia biblioteka programo estis speciale ellaborita por HES - kompreneble en Esperanto. La plej grava fakto: niaj Tekst- kaj Bibliotek- Programoj permesas la uzon de la "ĉapelitaj" literoj de Esperanto. Se vi deziras pliajn informojn, kontaktu: TIGGYSOFT, Brookdeich 13, 2050 Hamburg 80, Tel: 0 40 - 7 21 20 05

---

Klarigoj:
Horn kaj Billstedt estas elirejoj de la Berlina aŭtoŝoseo.



# Junge Espis im Fernsehen

"Nun sekvas informoj pri la internacia lingvo Esperanto.... Hier sind sie, unsere Espis, das sind Leute, die Esperanto sprechen."
So begann am 18. März, nachmitttags in der Sendung "Dock 11" der ARD, ein vierminütiges Interview über Esperanto mit den Hamburger Espis Maren Grebe und Jürgen Wulff, und Thomas Pusch aus Bonn. "Dock 11" ist eine neue Jugendsendung, die als Nachfolgesendung zu "Spruchreif" weitere jugendliche Zuschauer gewinnen will. Sie wird aus einer Lagerhalle gegenüber dem Dock 11 im Hamburger Hafen live ausgestrahlt.
Alles in vier Minuten erschöpfend zu beantworten, ist unmöglich. So blieb es auch diesmal beim oberflächlichen Eindruck, für weiterführende Fragen blieb keine Zeit. Dennoch: das Kurzgespräch hat sicher einen positiven Eindruck bei den Zuschauern hinterlassen. Ob die Jugendlichen allerdings den Nachmittag bei sonnnigem Vorfrühlingswetter mit Temperaturen um 20 Grad gerade vor dem Fernseher verbracht haben, muß einer Nachlese vorbehalten bleiben.
Zur Sendung erschien ein Infoblatt, das Kurzinformationen über Esperanto und die Adressen von GEJ, GEA und GEI enthält.
Wer sich für eine Videokassette (VHS) von der Sendung interessiert, kann diese gegen einen 20-DM-Schein bei HEJ, Jürgen Wulff, Bornkamp 12, 2000 Hamburg 70 bestellen. Er erhält außerdem einen Zeitungsartikel zur Sendung und die Esperanto-Seiten aus dem Info-Blatt.



# INFORMILO HAMBURG



Julio/Aúg.
1990

n-ro 4 / 90

Esperanto, Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, Tel. 250 30 65

Komuna bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r.a. kaj Hamburga Esperanto-Junularo (Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo).

Redaktoro: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel. 43 51 97
Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207

---

1-7-1990: Adiaŭ, Marko de GDR!



# Nia programo

## Julio kaj Aŭgusto 1990

Ĉiun ĵaŭdon klubejo malfermita ekde 19°°h
sen speciala programo
vojaĝintoj raportas, gastoj ĉiam estas bonvenaj!

## Septembro 1990

6a: Literatura Vespero, prezentita de J. Kühnel

# Enigmo

Sur la titolpaĝo inter la multajn simbolojn de la konsuma socio enŝteliĝis unu de la alia flanko de la pordego. Kiu kaj kie ĝi estas?

# Ni gratulas

**Judith Bormann** kaj **Ian Jackson**
geedziĝis la 16an de Junio 1990.

D-ro **Werner Bormann** dum la ĉi-jara Kongreso en Freiburg fariĝis **Honora Membro de GEA.**

# INFORMILO HAMBURG



sept./okt. 1990

n-ro 5 / 90

Esperanto, Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, Tel. 250 30 65

Komuna bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r.a. kaj Hamburga Esperanto-Junularo (Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo).

Redaktoro: Benno Klehr, Oeikersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel. 43 51 97
Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207

ZEICHNUNG: HEIDEMANN

Araba Megalomanio (el: Neue Ärztliche Allg.)



# Nia programo

## Septembro 1990

13a: K.-H. Hoffmann: El Svisa Radio

**20a: Informvespero**

27a: Lingvaj Ludoj

## Oktobro 1990

4a: Literatura Vespero
Zoreh Kaŝani pri Omar Kajam

11a: Video-prezento pri inaŭguro de Esperanto-monumento en Graz. (donaco de Sudec!)

18a: "En la manoj de ribeluloj"
Rüdiger Sachs raportas pri sia perforta evakuiĝo el Liberio.

25a: Werner Bormann raportas pri la Universala Kongreso en Havano.

## Novembro 1990

1a: Literatura Vespero

8a: Libera por Via prelego!

# Hamburg Esperanto



n-ro 6/90
Nov./Dec. /Jan
1990 /91

Esperanto, Klaus Groth Straße 95,
D-2000 Hamburg 26, Tel. 0 40 / 2 50 30 65

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.
kaj Hamburga Esperanto Junularo
(Landa Ligo de Germana Esperanto Junularo).

Radaktoro: Benno Klehr, Oelkersallee 31,
D-2000 Hamburg 50, Tel.: 0 40 / 43 51 97
Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg
(BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207


# La Esperanto-Arbo

Jen la foto, kiun ni promesis en informilo 5/90. La platano estis plantita je 1971-12-29 de junuloj, kiuj partoprenis en la Internacia Seminario de GEJ. La ŝildo ankoraŭ ekzistas, kvankam difektita. Do, la pretendo, ke la ŝildo ne plu ekzistas, baziĝas sur eraro.

*Daŭrigo sur paĝo 2*



**Ni pri ni:**
Kiel vi jam konstatis, la informilo havas nun novan aspekton kaj novan nomon - kaj ni nun havas novan partneron: la Studrondo!

## Enhavo

Hamburga Esperanto-Societo r. a.

# El nia klubo



## Ekzameno

*Hella Lanka* okazigos ekzamenon pri lingva kapableco laú la regularo de Germana Esperanto-Instituto. Preparaj kunvenoj okazas ĵaude 19:00 h en la klubejo. *Interesitoj estas bonvenaj.*

## Jarĉefkunveno 1991

Bonvolu noti jam nun la daton:
**28a de Februaro 1991, 20:00 h**



*Ni deziras al niaj membroj kaj amikoj belan kristnaskan feston kaj bonan novan jaron!* HES

## Nova hejtilo

Jam en Februaro ni decidis instaligi gashejtilon por anstataúi la malnovan, kiu funkciis per oleo. La granda oleujo (10 m³) estas nun 30 jarojn aĝa kaj fariĝas danĝera al la medio, ĉar ĝi troviĝas subtere en la ĝardeno. Ni ne metos novan oleujon en la ĝardenon, ĉar ankaú oleaj tuboj kaj forno ne plu taúgas. Per gasforno ni cetere ŝparas energion, ĉar moderna aparato laboras pli efike. La oleujo devas esti purigita kaj plenigita per solida materialo, por ke ĝi ne kolapsu iam. Elpreni la ujon tro multe kostus. Estonte ni ŝparos monon, sed unue ni devas investi. Bedaúrinde ni devas pagi novan instalaĵon de la gas-entrepreno HGW, ĉar oni malkonektis nian domon antaú 20 jaroj. **Ni petas niajn membrojn, kiuj ne volas frosti dum la vintro, ke ili donacu monon por la nova hejtilo al la konto de HES (vidu titolpaĝon) aú rekte al la kasistino.**



## Zamenhof-Festo 1990

**La Zamenhof-Festo 1990 okazos la unuan de Decembro je la 19:00 h.**

La Krampa Teatro prezentos novan ombro-teatraĵon:
**"La virineto de la maro"** (laú H. C. Andersen)



Pro la manĝoplano bonvolu anonciĝi ĝis la
**23.11.90**
ĉe Elsbeth Wielgus, uzante la dorsflankan aliĝilon!



**Al membroj, kiuj ne anonciĝis, ni ne povas garantii kompletan festmenuon!**

# Silvestra vespero

En tiu ĉi jaro Elsbeth Wielgus **ne preparos** la jarfinan feston, sed la partoprenontoj mem organizu ĝin. Se vi volas festi en la klubejo, bonvolu anonciĝi ĉe Elsbeth ĝis la 23.11.90! Post tiu dato la interesitoj interkonsentu, kiel ili volas aranĝi la feston.

---

## Hamburga Esperanto-Junularo

Deutsche Esperanto-Jugend e. V.
Landesverband Hamburg

La junularoj renkontiĝas ĉiumonate la unuan kaj trian merkredon je la 19:00 h.
La venontaj datoj estas:

**07.11.90 ● 05.12.90 ● 16.01.91**

# El aliaj kluboj

### Esperanto-Grupo "Norda Erikejo"

Bonvolu jam noti!
Esperanto-seminario en la JG Inzmühlen dum la semajnfino sab. 24 + dim. 25.11.90
Temo: "Ludante lerni". Valoras partopreni!

Esperanto-Grupo "Norda Erikejo"
Niedersachsenweg 9
W-2110 Buchholz 5
Tel: 0 41 87 / 4 75

### berlina informilo

27.10.90 Potsdam, 10.00 h fondiĝo de la landa asocio Brandenburg / prelego de s-ro Prof. Lötzsch, lingvisto, pri la temo: "Esperanto - hodiaŭ kaj morgaŭ"

### La Chaux-de-Fonds

26. Dec. – 3. Januaro 1991: Vintro-feriado: Promen-skiado kun Claude Gacond. Prelegaro: Astronomio kaj astrologio, d-ro Hans Michael Maitzen, profesoro ĉe Astronomia Instituto de la Universitato en Vieno, Aŭstrio. Lingvo-perfektiĝo: pretiĝo al trapaso de Esperanto-ekzamenoj. Instruantoj anoncotaj. Ĉiutage (ski-)promenadoj, al montaj gastejoj, kie okazos la tagmanĝa piknikado.
Vespere programo kun ludoj, kantoj, popoldancoj, lumbildaj raportoj kaj novjara festo laŭ la aktiva kunlaboro de la ĉeestantoj.
Adreso: Kultura Centro Esperantista, poŝtfako 779, strato Postiers 27, CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svislando)

# Nia terura krucvort-enigmo

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | | | | | | | 12 | | |
| 13 | | 14 | | | | | | 15 | |
| 16 | | | | | 17 | | 18 | | |
| 19 | | | | | | | | 20 | |
| 21 | | | | 22 | | | | 23 | |
| 24 | | 25 | | 26 | | | | | |
| 27 | | | | 28 | | | 29 | | |

**Horizontale:**

**1**. Filino de tiu en fabelo kaj historio devis edziniĝi pro la malkapablo de la patro. **5**. Malpuraĵo en persona formo. **11**. Havado de inklino aí inklino de havado. **12**. Kun do estas tag', alie nokte. **13**. Diru vi, kiam vi ne bezonas ĝin. **14**. Grupo de rondaj objektoj, por mezuri distancon. **15**. En azio kaj usono: Nomo; en Esperanto nur pronomo. **16**. Al tiu land' Goethe vojaĝis. **17**. La rezulton de 6:4 - 4:6 - 6:2 oni atingas per ĝi (aú ne). **19**. Tia estis pli ol unu UK. **20**. Ĉiam la unua. **21**. Laú pekina manier' en stomakojn ĉie ajn. **22**. Grupo de instrumentoj, ne por muziko. **23**. Bov', sed ne plu. **24**. Ĝi necesas al infan' malbone kondutanta. **26**. Ni estas metalo. **27**. Ekscita vira valeto en la montaro. **28**. Elektrodo sen disĉiplo aú besto. **29**. Aervibrado estas ĝia baz'.

**Vertikale:**

**1**. Fenomen', kiu malhelpas ĝui ĉiun situacion. **2**. Ŝajne evidenta estas io tia, kion oni ne faru. **3**. Sovaĝa kun kolega aspekto. **4**. Malŝulca virino kun harema destino. **5**. Ne tute hipokrita arto. **6**. Jen floras fil' de maldolĉa instrumento. **7**. Malamika sinteno de centra distribuanto. **8**. Ne nepre viro. **9**. Juna patro sin prezentas ofte kiel tiu. **10**. Akuzative nefidinda famo. **18**. Infan' kaĵolas per ĝi. **19**. Ruso akceptus preni parton per ĝi. **24**. Al ŝi, platdiĉe, nur eta part'. **25**. Ne grapol' sed traúbo.

# Pulofoiro

STUDRONDO!




Nia Studrondo, ĥiel konate, renkontiĝas dekkvartage sabate. Sed ne nur je tiuj horoj la partoprenantoj estas aktivaj.
Je la 15a de Septembro el iniciato de **Hannelore Brunow** kaj **Burkhard Mohrig** okazis partopreno en pulofoiro sur la Fischmarkt. Tiu okazo estis uzita ankaŭ por varbado por nia lingvo Esperanto. Multaj klubanoj vizitis la standon, iomete flanke de la oficiala loko de la ofertantoj. Kelkaj alportis varojn.
Finfine estis enspezitaj pli ol okdek markoj, kiuj nun plibonigas la staton de la kluba kaso. Estas intencite, partopreni ankaŭ en estontaj pulofoiroj. Tial estas serĉataj vestaĵoj kaj aliaj uzitaj objektoj.

*Wolfgang Löbel*

# Internacia kuirarto

## *Kazea Kuko (sen faruno)*

*1000 g da kazeo*
*375 g da sukero*
*125 g da butero*
*3 aŭ 4 ovoj*
*1 p. da vanilina sukero*
*1 p. da vanila puding-pulvoro*
*1 p. da bakpulvoro*
*suko de unu citrono*

Bone miksu la tuton kaj baku en glata muldilo dum 1 horo je 200 - 220 °C.

***Bonan apetiton!***

Die Berliner Esperanto-Gruppe der "Villa Kreuzberg" veranstaltet im Wald bei **Bad Münder**, ca. 25 km südwestlich von Hannover, 1990 wieder zwei unterhaltsame und kreative Treffen, das 9. und **10.** Berliner Waldtreffen. Die dortige Freizeit-Erholungsstätte ("Berliner Heim") gehört dem Bezirksamt Kreuzberg und wir können sie im Frühling und im Herbst nutzen. Für ca. 60 Personen stehen 6 Schlaf-Häuschen und ein Gemeinschaftshaus mit Duschen und moderner Küche zur Verfügung. Wir lernen Esperanto oder erweitern unsere Sprachkenntnisse, wir diskutieren, wandern, singen, spielen, treiben Sport und kochen selbst.




**Kosten / kotizoj:**
ca. 120,-DM / 12,-DM pro Tag
ĉ. 120,-gm / 12,-gm po tago

☆ BERLINER WALDTREFFEN ☆

| 9a: | BARo | 10a: |
|---|---|---|
| 27.4.-6.5. | 1990 | 7.9.-16.9. |

BERLINA ARBARA RENKONTIĜO

**Anmeldung / aliĝo:** Michael Peters, Courbièrestr.6, D-1000 Berlin 30, Tel.: 030 - 213 75 01

La Berlina Esperanto-grupo de "Villa Kreuzberg" dum 1990 organizas en arbaro apud **"Bad Münder"**, ĉ. 25 km sudokcidente de Hanovro/FRG denove du distrajn kaj kreivajn renkontiĝojn. Estos la **9**a k. **10**a BERLINA ARBARA RENKONTIĜO. La tiea libertempejo ("Berliner Heim") apartenas al la distrikta oficejo de "Kreuzberg/Okc.Berlino" kaj ni povas uzi ĝin en printempo kaj aŭtuno. Por ĉ. 60 personoj ekzistas je dispono 6 dorm-dometoj kaj komuna domo kun duŝoj kaj moderna kuirejo. Ni lernos Esperanton aŭ vastigos niajn lingvo-konojn, ni diskutos, migros, kantos, ludos, sportos kaj mem kuiros.




**Tel. Bad Münder:**
0 50 42 - 35 94
nur während des Treffens / nur dum la renkontiĝo

Hamburga Esperanto-Junularo

Deutsche Esperanto-Jugend
Landesverband Hamburg

# Jahreshauptversammlung 1990

Hiermit werden alle Mitglieder des Landesverbandes Hamburg der Deutschen Esperanto-Jugend zur Jahreshauptversammlung 1990 eingeladen.

Datum: 14. Februar 1990

Ort: HES-Klubhaus
Klaus-Groth-Str. 95, Tel. 250 30 65

Tagesordnung:
- Rückblick auf das vergangene Jahr
- Planungen für 1990
- Kassenbericht
- Verschiedenes

# Merkredaj vesperoj

La Hamburga Esperanto-Junularo renkontiĝas ĉiun duan merkredon ekde la 20a horo en la klubejo de HES. Jen la venontaj datoj:

17a de januaro - 31a de januaro

14a de februaro (jarĉefkunveno de HEJ)

28a de februaro - 14a de marto

Esperanto en televido

La 18an de marto je 14:15 h
NDR elsendos junular-magazinon "Dock 11" el la haveno.
Unu el la programeroj estos prezento de Esperanto-junularo.
Etos rekta elsendo (live) !

# Jarĉefkunveno de HES 1990

La jarĉefkunveno de HES 1990 okazis la 22an de februaro laŭ la invito en Informilo 1/90. La estraro estis reelektita: prez. *Benno Klehr;*
vicprez. *D-ro Vesna Staničić-Burchards;*
sekr. Heinrich Wielgus; kaso: *Hella Lanka;*
kunvenoj: *Beate Jagota;*
nova estrarano por biblioteko: *Delia Pick;*
junulara delegito en estraro: *Jürgen Wulff.*

Konsilantaro: *Hans Schütt, Elena Blasius, Hannelore Brunow, Werner Bernhardt, Karl-Heinz Hoffmann, Walter Kahlert, Bruno Lehmann.*

Komisiito por la kluba domo: *Elsbeth Wielgus.*

# Studrondo

Renkontiĝoj: 10a kaj 24a de marto, 14:00 h

Invito: 7a de aprilo "Krampa Teatro" gastoj (speciale infanoj) estas bonvenaj! 15:00 h

La 21an de aprilo okazos

# Ekskurso al Schwerin

Informoj ĉe Hannelore Brunow.

Hamburga Esperanto-Junularo

Deutsche Esperanto-Jugend e.V.
Landesverband Hamburg

# Jarĉefkunveno 1990

La 14a de februaro okazis la jarĉefkunveno de Hamburgo Esperanto Junularo. Ĉar ĉi-jare ne okazis elektoj, la estraro restis senŝanĝita. Jürgen Wulff (prezidanto) kaj Kai Pöhlmann (kasisto), raportis pri la sukcesa 1989a jaro. Kvankam ni havis sufiĉe da aranĝoj nia financa situacio pliboniĝis. Tio estis kaŭzita de donacoj de la membroj de HEJ.

Tial la membraro decidis denove okazigi renkontiĝojn al kiu venu ankaŭ ne-Hamburganoj. La 30a de marto ĝis la 1a de aprilo okazos kafoklaĉo en la salonoj de HES.

En septembro aŭ oktobro denove okzu seminario. La temo okupiĝos pri la ŝanĝoj en la orienta parto de Eŭropo.

# Kalendaro

14a de marto, 20a horo preparo de la televida intervjuo en "Dock 11"

18a de marto, 15a horo "Dock 11". Junulara televida programo de NDR (nord-germana radio/televido). Ili planas intervjui junajn Esperantistojn. Oni enlasas la gastojn je la 13a horo. Se vi interesiĝas: pliajn informojn kaj enir-biletojn haveblas ĉe J. Wulff, tel. 040-6560659.
28a de marto, 20a horo preparo de HES-informvespero
29a de marto, 19a horo HES-informvespero

30a de marto, vespere Hamburga kafoklaĉo
31a de marto, tuttage Hamburga kafoklaĉo
1a de aprilo, tuttage Hamburga kafoklaĉo

11a de aprilo, 20a horo normala renkontiĝo (ideoj bonvenaj)
25 de aprilo, 20a horo normala renkontiĝo (ideoj bonvenaj)

# Adresŝanĝo

Jürgen Wulff, HEJ-prezidanto kaj redaktoro de la junulara paĝo de la HES informilo, havas novan adreson: ✉ Bornkamp 12, 2000 Hamburg 70, ☎ 040-656 06 59

# Invito al Schwerin

La 23-an de junio 1990 okazos distrikta renkontiĝo en la domo de la Kulturligo en Schwerin, proksime al la lageto "Pfaffenteich", meze en



la bela urbo. La lageto kun sia bela ĉirkaŭaĵo vere estas vidindaj. Ankaŭ la kastelo kun la multaj turetoj (vidu la bildon) kaj la gotika katedralo indas viziton. De Hamburg al Schwerin nur estas malpli ol du-hora aŭto-veturado! Ĉio estas pli facile ol vi imagas, **ek al Schwerin!**

La renkontiĝo komenciĝos je la 9.30 horo en la "Haus des Kulturbundes", Hermann-Matern-Str. 2. Aliĝon bonvolu sendi ĝis la **12-a de junio** al:
Esperanto-Verband Schwerin, Kulturbund,
Hermann-Matern-Str. 2, DDR-2750 Schwerin.

---

**Sukcesa prezentado de Krampa Teatro**
La 7-an kaj la 12-an de aprilo **Delia Pick** kaj **Hannelore Brunow** denove prezentis la belegajn ombrobildojn kun muziko kaj teksto en Esperanto. Estis prezentitaj scenoj el suda ameriko, hindio kaj germanio. La spektantoj kun granda aplaŭdo dankis al la prezentintoj kaj instigis ilin, daŭrigi tiun teatron. **Ni gratulas!**



# Invito al Hamburg

La 24-an de Majo 1990 okazos nia tradicia "Ĉe-Ellen-Ir-Tago" en la domo de Hamburga Esperanto-Societo. La iom stranga nomo de tiu kunveno devenas de la kutimo de HES dum multaj jaroj, festi la Ĉiel-Ir-Tagon ĉe Ellen Eggers. Ankaŭ post la morto de Ellen, ni volas konservi la tradician nomon kiel honora memoro al ŝi.

# speciale por gastoj

Se vi ne konas la urbon Hamburg, vi povos kun ni promeni tra la urbo. Ni renkontiĝos ĉe la ĉefa stacio (Hamburg Hbf.) je la 11-a horo.
Preciza loko: Inform-Centro / bilet-vendejo - ĉe la norda elirejo Kirchenallee.
De tie ni iros piede al la urbocentro.
Post la promenado tra la urbo, ni komune iros al la klubejo de Hamburga Esperanto-Societo por Tagmanĝo je la 13-a horo - bonvolu anonciĝi!

# Al la Kluba Domo

per metroo linio U3 du stacioj de ĉefa Stacio ĝis stacio "Burgstraße".
Per aŭtomobilo utiligu la suban skizon!

Adreso:
Klaus-Groth-Str. 95
2000 Hamburg 26
tel. 2 50 30 65



Nia terura enigmo...

HORIZONTALE: 6 vivanta meandro. 9 sud-eúropa anstataúanto de telfero. 13 esploristo kun limigita responso. 15 pro ĝi pli facilas transiri de ŝipo al trajno. 16 senfine ĝi estas de januaro ĝis decembro. 17 scienco pri komencado. 19 mallonge: duoble ĝi estus milono. 20 participe ĝi estus aroganta. 21 ne tien sed denove tien. 23 doloriga part' de 6 horizontale.
25 kemiaĵo kiu eĉ troviĝas ĉe anĝeloj. 26 organika pluraliĝo de episkopa ĉapo. 27 trinkebla utiligo. 28 kristnaske tiuj steloj odoras.
29 ne dram' de Shakespeare sed pli bongusta.
30 tiu metalo troviĝas en motoro.
VERTIKALE: 1 ĝi plej bonas ĉe l' najbaro.
2 ĝuste ĝi. 3 malseka matroso sen teksaĵo.
4 komunaĵ' de birdo kaj kruĉo. 5 ne ĉiam koko krias je la tria tiu. 6 Odiseo tion faris, kvankam malkomforte. 7 laúdire tion faris Zaratuŝtro. 8 ne Homere sed malice. 9 helena nudisto. 10 ĝi ofte estas nomata ĝardeno, kvankam plantoj ne estas plej grave. 11 tiu aĉetus katon en sako.
12 manĝebla neperfekta konspiro. 13 CCC + CC.
14 tio ne okazas en HES-klubejo. 18 unu el 7 ministoj. 21 rivero en suda ameriko. 22 malgranda parto de pulovero. 24 en ĝia val' skiadas f-ino Mariana.

